3me Année, No 26.
Octobre 1904.

3a Jaro, 26a Numero.
Oktobro 1904.

3e Jaar, Nr 26.
October 1904.




**Aliĝinta al la Unuigo de la Perioda Belga Gazetaro**

**Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.**

**Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.**

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0,25 fr.** | **Unu numero : 0,25 fr.** | **Het nummer : 0,25 fr.** |

La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.

Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.

L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*

*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,

IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.

DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES — ESPERANTISCHE BLADEN.

**Lingvo Internacia**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Mr Paul de Lengyel à Szekszárd, Hongrie.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**Societo por Internaciaj Rilatoj** (S. I. R.), fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*); avec l'organe de la Société (*met het orgaan der Maatschappij*) « **Lingvo Internacia** » fr. 6.00 par an (*6.00 fr. 's jaars*) Mr Paul Fruictier, 27, boulevard Arago, Paris.

**Literatura Biblioteko de Lingvo Internacia**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Paul de Lengyel à Szekszárd, Hongrie.

**Rondiranto**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Mr G. P. Oreŝkov, Plovdiv, Bulgarie & L. Cogen, 61 rue des Rémouleurs, Gand.

**La Holanda Pioniro**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Dreves Uitterdijk, Hilversum, Holland.

**Ĉesky Esperantista** (Bohem. Esp.), fr. 3.50 par an (*3.50 fr. 's jaars*) Mr Ĉejka, Th. Bystrice-Hostyn, Moravie-Autriche.

**L'Esperantista**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Grafo Albert Gallois, Riolunato, prov. de Modena, Italie.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj!** 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga nº 106a Lima, Pérou.

**Ĉilio Esperantista**, gratuit au Chili (*kosteloos in Chilië*) Mr Luis E. Sepulveda Cuadra, cas. 1989, Santiago, Chili.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, 3, rue de l'Avenir, Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**Espero Katolika**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*), M. Barbot-Berruer, 72, rue des Halles, Tours (France) & M. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantistische Mitteilungen**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). M. Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.

**Revuo Internacia de Stenografio**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Dreves Uitterdijk, Tulpstraat, 74, Hilversum (Holland).

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1904 (*3.00 fr. voor 1904*), Mr Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

## Esperantistaj grupoj en Belgujo.

**Poliglota Klubo en Bruselo. Esperantista Sekcio.** Sidejo : Hôtel Ravenstein, rue Ravenstein, 3. Sekretario Sro L. Blanjean.

**Antverpena grupo Esperantista A. G. E.** Sidejo : Taverne Royale, Place Verte, 39. Prezidanto : Sro Ray. van Melckebeke ; Sekretarioj, L. Jamin kaj F. Dupont.
Kunvenoj ĉiusabate je la 8 ½ horo.

**Esperantista Katolik-Universitata Grupo E. K. G.** Sidejo : Loveno. Sekretario : P. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantista Lovena Grupo.** Sidejo : Taverne St Jean. Café Monico, rue de Diest. (Louvain, Leuven). Prezidanto Sro Edm. Vandieren. Sekretario Sro Eŭg. Mathys, filo, Aŭgustanstrato, 5a.
*Virina Sekcio* : Sekretariino, Frino Cl. Nythals.

**Esperantista Studenta Grupo.** Sidejo : Hôtel des Notaires, rue des Boutiques, Gento (Gand, Gent). Prezidanto : Dro M. Seynaeve, sekretario : Sro R. de Bie, 128, chaussée de Courtrai, Gand.

**Bruĝa Esperantista Grupo.** Sidejo : Bruĝo (Bruges, Brugge). Prezidanto : Sro A. J. Witteryck, sekretario : Sro Lekeu, 49 rue Wallonne.

**Esperantista Grupo en Lieĝo.** Prezidanto : J. de Hemptinne, Sekretario : G. Sloutzky, 93B, rue Jean d'Outremeuse, Liége.

**Esperantista Grupo en Meĥleno.** Prezidanto Sro L. Van Peteghem ; Sekretario : L. Van Elst, rue Notre Dame, Malines (Mechelen).

**Universitatoj Popolaj en Cureghem kaj Molenbeek (Bruselo).** Profesoro : Sro Vital Bické, avenue de Scheut, 62, Anderlecht-Bruxelles.

**Universitato Popola en St Gilles (Bruselo) Esperantista Sekcio.** Sidejo : rue du Fort, 80. St Gilles-Bruxelles.

3me Année, N° 26. Octobre 1904. | 3a Jaro, 26a Numero Oktobro 1904. | 3e Jaar, Nr 26. Oktober 1904.




GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL.

BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

## La filino de Albiono.

(de Anton ĈEĤOV.)

*Traduko el la Rusa lingvo* (*).

Al la domo de bienhavanto Griabov alruliĝis bela kaleŝo kun kaŭĉukaj radoj, dika veturigisto kaj sidejo, kovrita velure. Fjodor Andreiĉ Otcov, la ĉefo de l' distrikta nobelaro, elsaltis el la kaleŝo. Li estis ricevita de dormema lakeo en l'antaŭĉambro.

— La gesinjoroj estas ĉe si? — li demandis.

— Ne. La sinjorino kun l'infanoj foriris gaste, kaj la sinjoro kun la guvernantino kaptas fiŝojn, de l' frua mateno.

Otcov restis iom pensanta kaj poste direktiĝis la riveron por serĉi Griabov'on. Li trovis lin tie, ĉirkaŭ du verstojn de la domo. Subrigardinte la krutan bordon kaj ekvidinte lin, Otcov ekridegis... Griabov, homo grandkreska, dika, kun grandega kapo, sidis sur la sablo, metinte sub si la piedojn turkmaniere kaj kaptis fiŝojn. Lia ĉapelo kliniĝis al la nuko, la kravato flankiĝis. Apud li staris alta maldika anglino kun malkavaj kankrokuloj, kun granda birdnazo, pli simila je hoko ol je nazo. Ŝi estis kovrita je blanka muslina vestaĵo, kiu preskaŭvidigis ŝiajn maldikajn flavajn ŝultrojn. Ora horloĝeto pendis de ŝia ora zono. Ŝi ankaŭ kaptis fiŝojn. Ĉirkaŭ ambaŭ regis tomba silento. Ambaŭ estis senmovaj kiel la rivero, sur kiuj moviĝis iliaj naĝkorkoj.

— Bela scienco, sed kruela pacienco! — diris Otcov kun rido. — Bonan tagon, Ivan Kuzmiĉ!

— Ha, ĉi estas ci? — diris Griabov, ne demetante l'okulojn de l'akvo. — Vi venis?

Ci vidas ĝin.. kio, ci ankoraŭ ne ĉesigis tiun ĉi absurdan okupadon? Ci ankoraŭ ne eksiernis ĝin?

— Al la diablo!... Mi estas kaptanta la tutan tagon, de l' frua mateno... La kapto estas hodiaŭ malbona. Mi nenion elkaptis, nek mi nek tiu ĉi sorĉegistino. Ni sidas, ni sidas, kaj nenia diablaĵo elvenas. Mi estas preta krevi!

— Kraĉindaĵo! Ni iru trinki brandon!

— Atendu iom.. Ni eble tamen kaptos ion. Vespere la fiŝoj bone iras al la hoko. Mi sidas tie ĉi de l' mateno! Mi enuegas neesprimeble. Kia diablo

(*) *Noto de la redakcio.* — Tiu ĉi gaja rakonteto, speciale tradukita por « La Belga Sonorilo », estas tre interesa pri la justeco de sia vortfarado; al ĝi ni vokas atenton de la lernantoj.

La temo estas tre kurioza humoraĵo; niaj geleganto j memoros la Anglan devizon: *Honni soit qui mal y pense* (Tiu estu malhonorita, kiu malbone opinias).

kutimigis min al tiu ĉi fiŝkaptado? Mi bonege komprenas ke tio ĉi estas absurdo kaj tamen mi sidas tie ĉi! Mi sidas kiel fripono, kiel punlaboristo kaj mi rigardadas l'akvon kiel malsaĝulo. Oni devas iri vidi la rikolton, kaj mi, mi estas kaptanta. Hieraŭ lia episkopa moŝto servis en la preĝejo, kaj mi ne venis tien, sidinte la tutan tempon ĉi tie kun ĉi fiŝino, kun ĉi diablino...

— Sed... ĉu ci ne freneziĝis? — demandis Otcov, konfuze rigardante deflanke l'anglinon. — Ci diras tiajn vortojn en ĉeesto de sinjorino... kaj ŝin mem...

— Ke ŝi iru al la diablo! Ŝi ja komprenas nenian rusan sonon. Ci povas ŝin laŭdi aŭ insulti al ŝi estas egale! Rigardu nur ŝian nazon! La sola vido de l' nazo povas svenigi. Ni sidas kune la tutan tagon ne dirante eĉ unu vorton. Ŝi staras tie ĉi kiel ŝtipo, rulante l' okulegojn al la rivero.

La anglino ekoscedis, ŝanĝis la vermeton de l'hoko kaj denove ĝin enĵetis.

— Mi miras terure! — daŭrigis Griabov. — Dek jarojn vivas tiu ĉi malsaĝegulino en Rusujo, kaj ŝi komprenas nenian rusan silabon. Ĉia nia aristokrataĉo (*) kiam li venas en alilandon, li tuj lernas parolaĉi (*) la fremdan idiomon, kaj ili... nur la diablo komprenas tiun enigmon! Ci rigardu ŝian nazon! La nazon vidu!

— Fi, ĉesigu!... Estas malkonvene... kial ci insultas la virinon?

— Ŝi ne estas virino, ŝi estas fraŭlino... Mi vetas ke ŝi revas fianĉojn, tiu ĉi diabla pupo. Flaru, ŝi elmetas odoron de putraĵo... Ha, mi malamas ŝin! Mi ne povas ŝin vidi sangmalvarme. Apenaŭ ŝi ekrigardas min per siaj okulegoj, mi ektremetas kvazaŭ mi ekbatis la kubuton je l' balustrado. Ŝi ankaŭ amas kapti fiŝojn. Rigardu ŝin. Ŝi estas kvazaŭ ŝi servas meson! Ĉio estas al ŝi malestiminda... Ŝi staras, kanajlo, kun la konscio ke ŝi apartenas al la homaro, kaj sekve ke ŝi estas la reĝo de l' naturo. Kaj ci scias kiel ŝi nomas sin? Ŭilka Ĉarlzovna Tfajs... Fi! oni povas rompi al si la langon!

Aŭdinte siau nomon, l'anglino malrapide turnis la nazon al Griabov kaj elmezuris lin per rigardo plena je malestimo. De Griabov ŝi levis l'okulojn sur Otcov'on kaj verŝis sur lin, sur lin ankaŭ, fontanon de malŝato, kaj tio ĉi estis farata silente, grave kaj malrapide.

— Nu, ci vidis? — diris Griabov ridegante. — Ŝi montras sian opinion pri ni. Ha, ci sorĉegestino! Se ne la infanoj, ĉu mi tenus ĉe mi tian tritonon? Se ne ili, mi ne permesus ŝin proksimiĝi dek verstojn al mia bieno... Nazo kiel ĉe akcipitro... kaj la talio? — Tiu ĉi pupo memorigas al mi longan najlon. Je l'honoro! Mi estas tentata preni ŝin kaj enbati en la teron. Atendu!.. La hoketo ŝajnas balanciĝi...

Griabov eksaltis kaj levis la hokstangon. La hokŝnuro streĉiĝis, Griabov ektiretis ĝin denove, sed la hoketo ne detiriĝis.

— Ĝi alkroĉiĝis! — diris li kuntirinte la brovojn. — Ĝi kroĉiĝis al ŝtono sen dubo... Diablo!..

Sur la vizaĝo de Griabov pentriĝis sufero.

Gemante, maltrankvile moviĝante kaj murmurante malbenojn, li komencis tiradi la hokŝnuron, sed la tirado kondukis al nenio. Griabov paliĝis.

— Bedaŭrinda afero! Oni devas enrampi la akvon!

— Sed ĵetu la tutan aferon!

— Neeble... Vespere la kaptado iras bonege... Kia bedaŭrindaĵo, mia Dio! Oni devas enrampi la akvon. Absolute! kaj ĉi estas tiel malplezura. Kaj la anglino! Oni devas enŝovi ŝin en angulon... En ŝia ĉeesto mi apenaŭ havas kuraĝon nudiĝi, ĉar en la fino de finoj ŝi estas virino!

Griabov demetis la ĉapelon kaj kravaton.

— *Miss... eee...* — li diris al la anglino. — *Miss Tfajs!.. Je vu pri...* Nu, kiel mi diros ĝin al ŝi? He, kiel paroli al ci por ke ci min komprenu?.. Aŭdu..... tien! Iru tien! Vi komprenas?

Miss Tfajs verŝis sur Griabov'on fontanon de malestimo kaj elmetis ian nazan sonon.

— Kio? Ci ne komprenas? Mi diras al ci ke ci foriru de tie ĉi! Mi devas devestiĝi, diabla pupo! Iru tien! Tien!

Griabov ektiris la manumon de l'anglino, montris al ŝi arbetaĵon kaj sidiĝis teren, komprenigante al ŝi iri post l'arbetaĵon kaj kaŝiĝi tien. Sed l'anglino, energie movinte la brovojn, rapide eldiris longan anglan frazon... Ambaŭ bienhavantoj ekridegis.

— Tio ĉi estas l'unua fojo ke mi aŭdas ŝian voĉon. Kia voĉeto, mia Dio!... Ŝi ne komprenas! Kion mi nun faros?

— Ĵetu tion ĉi, mi diras! Ni iru trinki brandon!

— Neeble! La kaptado devas esti bona... Vesperiĝas... Kion mi faros nun? Malbeninda malagrablaĵo.. Mi estas devigata devestiĝi antaŭ ŝi...

Griabov demetis la surtuton kaj la veŝton. Li sidiĝis la sablon kaj detiris la botojn.

— Aŭdu min, Ivan Kuzmiĉ, diris la ĉefo de l' nobelaro, ridegante kaj kovrante la buŝon per la mano. Tio ĉi, mia amiko, estas dirante sen trograndigo — moko kaj insulto.

— Sed neniu ŝin petas esti malkomprenanta. Tio ĉi estas leciono por ili, por tiuj ĉi alilanduloj.

Griabov deĵetis la botojn, la pantalonon, demetis la tolaĵon kaj aperis en la kostumo de Adamo. Otcov ridegis subtenante sian ventron kaj ruĝiĝante pro ridego kaj konfuzo. L'anglino ekmovis la brovojn kaj la palpebrojn... Sur ŝia flava vizaĝo trakuris fiera kaj malŝata rideto.

— Mi devas iom malvarmiĝi, — diris Griabov, batetante siajn femurojn. — Sed diru, mi petas, kial mi ĉiusomere havas tiun ĉi ekzantemon sur la brusto?

— Iru do pli rapide en la akvon au kovriĝu per io, brutulo!

— Rigardu, ŝi ne montras eĉ signeton de konfuzo, tiu ĉi kanajlo! — diris Griabov, metiĝante en la akvon kaj farante signon de kruco. — Brr... kia malvarma akvo... Rigardu kiel ŝi movas la brovojn!... Ŝi ne foriras... Ŝi estas super la ordinaruloj! Ha-ha-ha! Ni ne estas eĉ homoj por ŝi!

Enirinte en la akvon ĝis la genuoj kaj rektiĝinte li faris palpebrumon kaj diris:

— Nun ŝi komprenas ke ŝi ne estas en Anglujo!

---

(*) a ĉ — sufikso de malestimo, proponita de s-ro Boirac kaj citata de s-ro Cart en la « Vocabulaire Français-Esperanto ».

Miss Tfajs sangmalvarme ŝanĝis la vermeton de l'hoko, ekoscedis kaj ree enĵetis la hokon Otcov deturniĝis. Griabov dekroĉis la hokon. subakviĝis kaj malfacile spirante eliris el la akvo. Post du minutoj li denove sidis sur la sablo kaj ree okupiĝis je kaptado.

Trad. ABRAHAM KOFMAN,
el Odessa (Rusujo.)

## La militaj forkurantoj.

Kiel malforta eho ankoraŭ resonas inter la Laplanda popolo la rakontoj pri virkuraĝo kaj virpotenco, pri bataloj kaj ĉagrenoj, kiam la milito metis sian feran manon sur niajn provincojn. De patro al filo, de viro al viro la rakontoj iris dum jararo kaj dum la longaj vesperoj de la vintro ili ankoraŭ kun admiro estas aŭskultataj antaŭ la flamantaj fajrejoj, vivadas ankoraŭ tempeton sur la lipoj de la popolo por fine por eterne esti enigita en la nokton de forgesado. Ombro de jararo mallumigis la konturojn, eble parte aliformigis ilin, sed ankoraŭ tiuj rakontoj de pasintaj tempoj efikas per forto de fideco.

Jen estas unu inter tiuj rakontoj, kian mi ĝin aŭdis antaŭ la flirtantaj fajreroj en la arbaro, kie la arbaristoj (laboristoj) kuiris sian simplan manĝaĵon.

En vintro antaŭ longege veturis grupo post grupo de militaj forkurantoj de l' bordego al la montegoj. Ili estis tedaj je sango kaj teruraĵoj kaj, postlasante la militan « honoron », ili penadis foriĝi de la milito kun ĝiaj ĉagrenoj. La finan celon de ilia forkuro neniu sciis. Eble ili sekrete volis returniĝi al sia hejmlando por tie sin kaŝi ĝis la fino de l' milito.

Kie ili tramarŝadis ili perforte prenis ĉevalojn por la veturigo kune kun ĉio, kion ili bezonis, de la loĝantaro sed faris nenian pluan malbonon.

Ili tamen estis forgesintaj la legendon pri la lando, kiu en ĉiu arbareto loĝigas batalanton,kaj tiu forgesado al ili fariĝis fatalega.

Tagon grupo da dudek viroj venis al Lapa loĝejeto tenda sub la montegoj. La Lapa mastro kune kun la servantoj forestis pastante la cervarojn, nur la Lapa mastrino kaj ŝia 12-aŭ 14-jara knabino estis en la hejmo, kaj tiuj estis devigataj akompani kiel gvidantoj en la nekonata regiono. La veturo devis fariĝi per neĝglitiloj. Supren al la helaj per neĝo montegoj la vojo direktis kaj la arbaro estis lasata pli kaj pli sube. Ĉe la forkurantoj la koro certe ekbatis plirapide, kiam ili pripensis la eblan liberecon, kiu estus ilia, se ili nur supervenus la montegojn, la liberecon vivi sen mortigado. Kiu cetere konas la sentojn, kiuj vekiĝas en homa brusto, kiu, tremata de netolerebla portaĵo, komencas antaŭsenti la liberiĝon.

Sed en la cerbon de l' Lapa virino enflugiĝis mallumaj pensoj, kiel ĉe vulpo en ĉasado. La ĉielo mallumigis iom post iom. Ŝajnis fariĝi vetero malbonega, kaj ŝi ridetis sekrete kaj malbelege, dum ŝi preĝadis al Jubmel (1) sin konsili kaj helpi. Kiam ili proksimiĝis al la montegaj plataĵoj la knabino estis permesata returni, sed antaŭ la disiĝo la patrino en la Lapa lingvo ŝin ordonis ekflamigi fajregon sur la insuleto en la marĉo antaŭ la loĝejo. Ja miris la knabino, kion tiu signifus, sed ŝi tamen rapidis plenumi la ordonon de sia patrino.

La vintra vespero mallevis nigrajn ombrojn ĉirkaŭ la montegoj. La vento estis akre malvarma kaj la neĝflokoj flugis en petola danco. Estis mallumo kaj malvarmeco, la Jubmela respondo al la Lapina preĝado, kaj en ŝiaj oreloj la tondro de l' vento sonis kiel rava kantado al la antikvaj dioj kaj pri ilia amo al la Lapa gento. Malrapide kaj klopode iris la glitado; estis malfacile kunteniĝi en la mallumo. Tiam la forkurantoj prenis siajn montajn ŝnuregojn kaj ligis sin mem en loga linio kun la gvidantino ligita plej antaŭe.

Ree la marŝo iris tra mallumo kaj neĝa blovado. Iom post iom la glita veturo ekiris suben, nun plifavore. Kaj post momenta glitado la virino ekmontris malhelan fajrlumon malproksime en la valo.

— Jen, homoj loĝadas, tien ni iros antaŭ noktiĝo, ŝi diris, kaj la lacaj forkurantoj eksentis novan kuraĝon je la penso pri varma fajrejo. Ne ili sciis, ke ili estis kondukataj ronde sur la montegoj kaj ke ili nun proksimiĝis al la elirejo. Ne ili antaŭsentis, ke la fajrego en la valo estis bruligata nur por etigi ilian singardemon. Suben la kurado direktiĝis, nun plirapide, suben al la arbaro. La krutaĵoj fariĝis pli kaj pli krutaj kaj la unuaj betulaj aretoj preterkuris kiel ombroj. Tiam la Lapino ŝteligis la manon en la brustan poŝon, kie ŝi havis la tranĉilon kaŝita. Subite ŝi distranĉis la ŝnuregon sed tenis la finon de ĝi en la mano.

Tie sube la profundaĵo estis kiel faŭko malluma kaj terura, sed en tia vetero ili nenion rimarkis antaŭ ol ĝi estis tro malfrue. Ŝi streĉis siajn muskolojn por la decida momento kaj direktis la glitadon rekte al la krutegaĵo. La kuro iris rapidege, « Jubmel' min helpu », ŝi murmuris. Tiel ŝi forlasis la ŝnuregon kaj svingiĝis en rekta angulo flanken je la rondo de la faŭkego. Dudek homoj malaperis en la profundaĵon. Multsonora, sovaĝa kriego de malbeno, malforta tondreto de sube kaj ĉio fariĝis silenta. Nur la Lapa virino ridis per raŭka, kava rido, kiam ŝi rigardis suben kaj vane penadis ekvidi siajn oferatojn. Sed la nokta vento tiriĝis plendante super la regiono, superbalais la postesignojn kaj sternis liton por la nekonataj fremduloj en la blankega malvarma tombo.

HUGO KARLSTEN
(Esp. 5527).
Halberg, Svedlando.

(1) Lapa nomo de Dio.

## Tra la Mondo Esperantista.

La belaj tagoj de la somero malaperas iom post iom kaj ilin anstataŭas la melankoliaj tagoj de la aŭtuno kun falo de la arbofolioj. Estas ankoraŭ la sezono de malaperigo de ĵurnaloj kaj kelkaj kunfratoj niaj ŝajne ekdormis ĝis vekiĝo kiun ni esperas baldaŭan. Inter ili «La Suno Hispana,» organo de la Hispana Societo por propagando de Esperanto, pro neeviteblaj cirkonstancoj estas en la malgaja situacio haltigi, dum kelkaj monatoj, eldonon de la gazeto. Sed ni esperas, kun ĉiuj amikoj niaj, ke nia kuraĝa kunfrato nur faras provizoran kaj mallongedaŭran halton.

Pri la ĵurnalo por blinduloj : « Esperanta ligilo » ni ricevis la plej bonajn sciigojn. La kvar unuaj numeroj de la 1904a jaro estas disdonitaj kaj dum decembro, duobla numero aperos. De la jaro 1905a « Esperanta ligilo » eliros regule ĉiudumonate (januaro-marto k. t. p.) kaj la jara abono estas 3 frankoj por ĉiu lando. Ni plezure donos aliajn sciigojn al la personoj kiuj sininteresas je la disvastigado de la lingvo ĉe la blinduloj.

* * *

El Svislando niaj amikoj daŭras ricevi kuraĝigantajn rezultatojn dank' al propagando tre bone organizita. Svisa Esperantista Societo, kies honora prezidanto estas la profesoro Ernest Naville, eldonis kaj disdonas propagandajn foliojn kiuj resumas la demandon kaj ekscitas la scivolon de la legantoj. Plie, Sro Edmond Privat, redaktoro de la « Juna Esperantisto » eldonis interesan broŝuron en Franca lingvo titolitan : « La question d'une langue auxiliaire internationale et l'Esperanto. »

* * *

La agado de la Germanaj Esperantistoj, tiel kiel ni antaŭvidis, produktas gravajn fruktojn ; la Germana presaro, kvankam dividita pri la demando, disputas tre ofte kaj tiamaniere niaj samideanoj havas okazon defendi nian programon kaj konigi niajn projektojn. La feliĉa rezultato de la diversaj kunvenoj de Esper-

### A travers le monde Espérantiste.

Les beaux jours de l'été disparaissent peu à peu et sont remplacés par les jours mélancoliques de l'automne et la chute des feuilles. C'est aussi la saison de la disparition des journaux et quelques uns de nos confrères semblent s'endormir jusqu'au réveil que nous espérons proche. Parmi eux « La Suno Hispana » organe de la Société espagnole pour la propagande de l'Esperanto, à la suite de circonstances inévitables, est dans la triste situation de suspendre, pendant quelques mois, la publication du journal. Mais nous espérons, avec tous nos amis, que notre vaillant confrère ne fait qu'un arrêt provisoire et de courte durée.

Au sujet du journal pour aveugles : « Esperanta ligilo » nous avons reçu les meilleures nouvelles. Les quatre premiers numéros de l'année 1904 sont distribués et pendant le mois de décembre, un double numéro paraîtra. Dès l'année 1905, « Esperanta ligilo » paraîtra régulièrement tous les deux mois (janvier, mars, etc.) L'abonnement annuel est de trois francs pour tous les pays. Nous donnerons avec plaisir, tous les renseignements aux personnes qui s'intéressent à la diffusion de la langue chez les aveugles.

* * *

En Suisse, nos amis continuent à recevoir d'encourageants résultats grâce à une propagande très bien organisée. La Société Espérantiste Suisse, dont le président d'honneur est le professeur Ernest Naville, a édité et distribué des feuilles de propagande qui résument la question et excitent la curiosité des lecteurs. De plus, M. Edmond Privat, rédacteur au « Juna Esperantisto » a édité une intéressante brochure en langue française intitulée « La question d'une langue auxiliaire internationale et l'Esperanto. »

* * *

L'action des espérantistes allemands, comme nous l'avions prévu, produit des fruits importants ; la presse allemande, quoique divisée sur la question, polémique fort souvent de telle façon que nos amis ont l'occasion de défendre notre programme et de faire connaître nos projets.

L'heureux résultat des diverses réunions d'Espérantistes pendant l'été, particulièrement la réunion de Calais-Douvres, est l'un des arguments les plus inattaquables. Il s'ensuit que le

### Dwars door de Esperantische Wereld.

*De schoone zomerdagen verdwijnen allengskens en worden door de zwaarmoedige dagen van den herfst en den val der bladeren vervangen. Het is ook het jaargetijde van het verdwijnen der dagbladen, en eenige onzer medebroeders schijnen in slaap te vallen tot aan de ontwaking, die, hopen wij, nakend is. Onder hen is « La Suno Hispana » tolk der Spaansche Maatschappij tot verspreiding van het Esperanto, in de droevige gesteldheid, gedurende eenige maanden, het uitgeven van het blad op te schorten. Maar wij hopen, met al onze vrienden, dat onze moedige medebroeder slechts een voorloopigen en kortdurigen stilstand doet.*

*Nopens het blad voor blinden « Esperanta ligilo », hebben wij betere nieuwstijdingen ontvangen. De vier eerste nummers van den jaargang 1904 zijn uitgedeeld en een dubbel nummer zal gedurende de maand December verschijnen. Van af den jaargang 1905 zal « Esperanta ligilo » regelmatig alle twee maanden verschijnen, (Januari, Maart, enz.). De jaarlijksche inschrijvingsprijs is drie frank, voor alle landen. Wij geven geerne alle inlichtingen aan de personen die belang stellen in de verspreiding der taal bij de blinden.*

* * *

*In Zwitserland, gaan onze vrienden voort met aanmoedigende uitslagen te bekomen, dank aan eene zeer wel ingerichte propaganda. De Zwitsersche Esperantische Maatschappij, wier eerevoorzitter de leeraar Ernest Naville is, heeft uitgegeven en verspreid propagandabladen die de kwestie in 't kort uiteendoen en de nieuwsgierigheid der lezers verwekken. Daarenboven heeft M. Edmond Privat, opsteller aan de « Juna Esperantisto » een belangrijk schrift in de Vlaamsche taal uitgegeven, getiteld « De kwestie eener wederlandsche taal en het Esperanto ».*

* * *

*De werking der Duitsche Esperantisten brengt, zooals wij het voorzien hebben, belangrijke vruchten voort ; de Duitsche drukpers, al is zij over de kwestie verdeeld, twist zeer dikwijls op zoodanige wijze dat onze vrienden de gelegenheid hebben, ons programma te verdedigen en onze voorstellen te doen kennen.*

*De gelukkige uitslag der verschillige Esperantische vergaderingen gedurende dezen zomer, voornamelijk de vergadering van Kales-Dover, is een der meest ontegensprekelijke redens. Daaruit*

antistoj dum la somero, precipe la kunveno Calais-Dover, estas unu el la plej neatakeblaj argumentoj. Sekve la sukceso kroniĝas la penojn de niaj amikoj kaj ni esperas ke la fondo de la nova grupo en « Frankfurt-am-Main » decidita la 30$^{an}$ de Septembro estas ankoraŭ nova sukceso kaj feliĉa antaŭsigno de la rapida enradikigo de la lingvo en la patrolando de la estinta Volapuk.

***

Ĝenerale, Esperanto estas pli kaj pli konata kaj de nun ia instruita persono ne povas nescii almenaŭ ĝian celon. Eĉ en la landoj kie mallertaj amikoj komprometis la sukceson, ĝi ricevas akcepton kiu nin kuraĝigas. Ni legis leteron senditan de Belga laboristo kiu estas de kelkaj monatoj en Montreal (Kanado). Li skribis ke Esperanto tie revolucias ĉiujn klasojn de la Societo ; oni parolas pri la lingvo en ĉiuj kunvenoj kaj multaj kursoj estas organizitaj en la urbo. Ni memoru ke Montreal estas multlingva centro ; krom la Angla kaj la Franca lingvoj kiuj estas oficialaj lingvoj, oni parolas multe la Germanan lingvon, la Hispanan, la Italan kaj ĉiujn dialektojn de la Norda Ameriko. La letero kiun ni legis estas tiel entuziasma ke ni opinias iomete da trograndigo pri ĝia enhavo.

***

La « Kolekto Esperanta » aprobita de D$^{ro}$ Zamenhof, ĵus eldonas tri novajn libretojn. La unua prezentas al ni tradukon de « L'avarulo » de Molière ; la aŭtoro estas S$^{ro}$ Sam. Meyer kaj lia traduko ricevis la unuan premion (sekcio honora) ĉe la dua konkurso literatura de la Societo p. p. Esperanto. Tiu rekompenco montras ke la verko de S$^{ro}$ Sam. Meyer meritas atenteman legon kaj ke la tradukinto zorge konservis la spritecon kaj la lertecon de la fama Franca aŭtoro.

La dua libreto estas traduko de Virgilio, kantoj I$^{a}$ kaj II$^{a}$ de l'Eneido, longa verko du D$^{r}$ Vallienne en versoj de deksep silaboj.

La titolo de la tria libreto estas por ni malgranda enigmo : Cikado ĉe Formikoj. Eble eraro glitiĝis en tiu titolo, sed eraro malfacile pardonebla en tiu loko. La bona traduko de la Komedio de E. Labiche kaj E. Legouvé estos : La cikalo ĉe la formikoj, laŭ vortaro Franca-Esperanto. Ni montru ankoraŭ la

succès couronne les efforts de nos amis et nous espérons que la fondation du nouveau groupe de Francfort sur Mein, décide le 30 septembre, sera encore un nouveau succès et un heureux présage de l'implantation rapide de la langue dans le pays de feu le Volapuk.

***

En général, l'Esperanto est de plus en plus connu et dès maintenant, toute personne instruite ne peut ignorer au moins son but. Même dans les pays où des amis maladroits ont compromis le succès, il reçoit un accueil qui nous encourage. Nous avons lu une lettre envoyée par un ouvrier belge qui se trouve depuis quelques mois à Montréal. (Canada). Il écrivait que l'Esperanto y révolutionne toutes les classes de la Société ; on parle de la langue dans toutes les réunions, et plusieurs cours sont organisés dans la ville. Rappelons que Montréal est un centre polyglotte ; en dehors des langues anglaise et française qui sont langues officielles, on parle beaucoup l'allemand, l'espagnol et l'italien ainsi que tous les dialectes de l'Amérique du Nord. La lettre que nous avons lue est si enthousiaste que nous croyons qu'il y a quelque peu d'exagération dans son contenu.

***

La « Kolekto Esperanta » approuvée par le D$^{r}$ Zamenhof, vient d'éditer trois nouveaux volumes. Le premier nous présente une traduction de « l'Avare » de Molière ; l'auteur en est M. Sam. Meyer et sa traduction a reçu le premier prix (section d'honneur) au second concours littéraire de la Société p. p. Esperanto. Cette récompense indique que le travail de M. Sam. Meyer mérite une lecture attentive et que le traducteur a soigneusement conservé l'esprit et l'habileté du fameux auteur français.

Le second volume est la traduction des chants I et II de l'Enéide de Virgile, long travail du D$^{r}$ Vallienne en vers de dix sept syllabes.

Le titre du troisième volume est pour nous une petite énigme : Cikado ĉe Formikoj. Probablement une erreur s'est-elle glissée dans ce titre, mais une erreur difficilement pardonnable à cette place. La bonne traduction de la comédie de E. Labiche et E. Legouvé sera : « La cikalo ĉe la formikoj. » (La cigale chez les fourmis), selon le dictionnaire français-esperanto. Montrons encore le danger de donner une pronon-

*volgt dat de bijval de pogingen onzer vrienden bekroont en wij hopen dat de stichting van de nieuwe groep van Frankfort-aan-Mein, op 30 September besloten, nog een nieuwe bijval zal zijn en een gelukkig vooruitzicht van de rappe inplanting der taal in het land van wijlen Volapük.*

***

*In het algemeen wordt het Esperanto meer en meer gekend en van nu af moet ieder geleerd mensch ten minste zijn doel kennen. Zelfs in de landen waar onhandige vrienden den bijval in gevaar brachten, bekomt het eene ontvangst die ons aanmoedigt. Wij hebben eenen brief gelezen, gezonden door eenen Belgischen werkman, die zich sedert eenige maanden te Montreal (Canada) bevindt. Hij schreef dat het Esperanto er al de maatschappelijke klassen omroert; men spreekt in alle vergaderingen van de taal, en verscheidene leergangen zijn in de stad ingericht. Herinneren wij dat Montreal een taalmiddenpunt is; buiten de Engelsche en Fransche talen die officiëele talen zijn, spreekt men er veel Duitsch, Spaansch en Italiaansch alsook al de gewesttalen van Noord-Amerika. De brief, dien wij gelezen hebben, is zoo geestdriftig dat wij gelooven dat er eenige overdrijving in zijnen inhoud bestaat.*

***

*De « Kolekto Esperanta » goedgekeurd door den Doktoor Zamenhof, komt drie nieuwe boeken uit te geven. Het eerste geeft ons eene vertaling van « L'Avare » van Molière; de schrijver ervan is M. Sam. Meyer en zijne vertaling heeft den eersten prijs bekomen (eere-afdeeling) in den tweeden letterkundigen prijskamp van de Maatschappij tot verspreiding van het Esperanto. Deze belooning bewijst dat het werk van M. Sam. Meyer eene oplettende lezing verdient en dat de vertaler zorgvuldiglijk den geest en de behendigheid van den vermaarden Franschen schrijver bewaard heeft.*

*Het tweede boekdeel is de vertaling van de zangen I en II van de Enéide van Virgilius, lang gewrocht van D$^{r}$ Vallienne in verzen van zeventien lettergrepen.*

*De hoofding van het derde boekdeel is voor ons een klein raadsel: Cikado ĉe Formikoj. Waarschijnlijk is eene fout in dezen titel geslopen, doch eene moeilijk te vergeven fout op deze plaats. De goede vertaling van het kluchtspel van E. Labiche en E. Legouvé zal zijn: « La cikalo ĉe la formikoj, » (De krekel bij de mieren), volgens het Fransch-Esperantisch woordenboek.*

danĝeron doni maljustan elparolon de la nomoj : Chameroy kaj Vineuil ; la fremdaj esperantistoj kiuj elparolos Samroa kaj Vinoj estos tute flanke de la vero. Tiun komedion tradukis la gelernantoj de la kurso de S^ro^ R. Deshays en Chaumont (Francujo).

Krom tiuj rimarkoj, la novaj verkoj estos bone akceptataj de la Esperantista mondo.

* * *

« L'Espérantiste » alportas al ni sciigon de subita morto de S^ro^ G. Vaillant, profesoro en la liceo de Angouleme, inda propagandisto kaj tradukinto de « Elektitaj Fabloj de La Fontaine » pri kiu ni raportis en antaŭa numero. Ni prezentas la simpatian kondolencon de la Belgaj Esperantistoj al la familio de la mortinto.

Jos. JAMIN.

## Kroniko Belga.

**Antverpeno.** Vendredon 30^an^ de septembro, okazis la ĉiujara kunveno de la Grupo Esperantista : multe da grupanoj ĉeestis. S^ro^ Dupont, sekretario, legis interesan raporton pri la agemo de l' grupo dum la pasinta jaro : la nombro de la grupanoj, kiu estis nur 57 dum la unua jaro, pligrandiĝis ĝis 140 ; 4 kursoj estas faritaj ; kunvenoj okazis ĉiusemajne ; originalaj verkoj kaj tradukaĵoj estas legitaj de l' membroj. Ni aldonu la jam priparolitajn okazintaĵojn : la paroladoj pri la radioj X kaj N, la paroladoj de S^oj^ Blanjean kaj Lambert, la vizito de la Anglaj Esperantistoj, k. c.

S^ro^ L. Jamin poste legis raporton pri la Biblioteko : ĝi enhavas pli ol 130 librojn kaj regule ricevas 17 Esperantistajn ĵurnalojn. La kasisto, S^ro^ Van Kerkhove, raportis pri la financa stato : ĝi ankaŭ, dank' al la bonega zorgado de l' kasisto, estas bonfarta. La prezidanto, S^ro^ R. Van Melckebeke, tiam dankis la raportintojn, alvokis al la sindonemo de ĉiuj membroj kaj eldiris sian grandan dankemon al la Antverpena gazetaro kiu, ne atentante la diversajn partiojn kaj lingvojn, tiel efike helpadas al la Esperantista movado.

---

ciation incorrecte des noms : Chameroy et Vineuil ; les espérantistes étrangers qui prononceront : Samroa et Vinoj seront tout à fait à côté de la vérité. Cette comédie a été traduite par les élèves du cours de M. R. Deshays à Chaumont (France).

Hormi ces remarques, les nouveaux livres seront bien accueillis du monde espérantiste.

* * *

« L'Espérantiste » nous apporte la nouvelle de la mort subite de M. G. Vaillant, professeur au Lycée d'Angoulême, propagateur de mérite et traducteur des Fables choisies de La Fontaine dont nous avons parlé dans un numéro précédent. Nous présentons les sympathiques condoléances des Espérantistes belges à la famille du défunt.

Jos. JAMIN.

### Chronique Belge.

**Anvers.** Le Groupe Espérantiste a tenu le vendredi, 30 septembre, son assemblée générale annuelle : un grand nombre de membres y assistaient. M. Dupont, secrétaire, y a lu un rapport intéressant sur l'activité du groupe durant l'année écoulée : le nombre des membres qui n'était que de 57 la première année s'est élevé au chiffre 140 ; 4 cours ont été donnés ; des réunions ont eu lieu chaque semaine ; des travaux originaux et de nombreuses traductions ont été présentés par les membres. Ajoutons-y les faits déjà mentionnés dans le journal : les conférences sur les rayons X et N, les conférences Blanjean et Lambert, la visite des Anglais, etc.

M. L. Jamin a présenté ensuite le rapport sur la Bibliothèque : celle-ci renferme plus de 130 volumes et reçoit régulièrement 17 revues Espérantistes. Le trésorier, M. Van Kerkhove, a fait rapport sur la situation financière ; celle-ci également, grâce à l'excellente gestion du trésorier, se présente très bien. Le président, M. R. Van Melckebeke, remercie alors les rapporteurs, fait appel au dévouement de tous et exprime sa vive reconnaissance à la presse Anversoise qui, sans distinction de parti et de langue, soutient si efficacement le mouvement Espérantiste.

*Toonen wij nog het gevaar aan van eene onjuiste uitspraak te geven aan de woorden : Chameroy en Vineuil ; de vreemde Esperantisten die zullen uitspreken : Samroa en Vinoj, zullen gansch benevens de waarheid zijn. Dit kluchtspel is vertaald geweest door de leerlingen van den leergang van M. R. Deshays te Chaumont (Frankrijk).*

*Buiten deze bemerkingen, zullen de nieuwe boeken door de Esperantische wereld wel onthaald worden.*

* * *

*« L'Espérantiste » brengt ons het nieuws van den schielijken dood van M. G. Vaillant, leeraar aan het Lyceum van Angoumêle, verdienstelijken verspreider en vertaler der uitgekozen Fabels van La Fontaine, waarover wij in een voorgaande nummer gesproken hebben. Wij bieden de genegene rouwgevoelens der Belgische Esperantisten aan de familie van den overledene.*

Vertaald door A. J. WITTERYCK.

### Belgische kroniek.

**Antwerpen.** *De Esperantische Groep heeft op Vrijdag 30^n^ September hare jaarlijksche algemeene vergadering gehouden : een groot getal leden waren tegenwoordig. M. Dupont, schrijver, heeft er een belangrijk verslag over de werkzaamheid van de groep gedurende het verloopen jaar gelezen : het getal leden dat maar 57 was in het eerste jaar, is geklommen tot het cijfer 140 ; vier leergangen zijn gegeven geweest ; vergaderingen hebben alle weken plaats gehad ; eigene werken en talrijke vertalingen zijn door de leden aangeboden geweest. Voegen wij er gebeurtenissen bij, door het blad gemeld : de voordrachten over de X en N stralen, de voordrachten Blanjean en Lambert, het bezoek der Engelschen, enz.*

*M. L. Jamin heeft vervolgens het verslag over de boekenkas voorgelezen : deze bevat meer dan 130 boekdeelen en ontvangt regelmatig 17 Esperantische tijdschriften. De schatbewaarder, M. Van Kerkhove, gaf een verslag over den geldelijken toestand ; deze, dank aan het uitmuntend bestuur van den schatbewaarder, bevindt zich insgelijks zeer wel. De voorzitter, M. R. Van Melckebeke, bedankt alsdan de verslaggevers, doet oproep aan de verkleefdheid van allen en drukt zijne levendige dankbaarheid uit voor de Antwerpsche drukpers die, zonder onderscheid van partij en van taal, zoo doelmatig de Esperantische beweging ondersteunt.*

Post voĉdonado, la komitato refariĝis jena: prezidanto, S^ro D^ro R. Van Melckebeke; vic-prezidanto, S^ro Van Schoor; sekretarioj, S^oj Dupont kaj L. Jamin; kasisto, S^ro Van Kerkhove; komisario, S^ro Coox; membroj, S^oj Cassiers, D^ro Leclercq, Van Pelt, A. Van der Biest.

Tiam komenciĝis la muzika parto, tiel same interesa kaj dum kiu oni aplaŭdis multajn grupanojn: D^ro L. ludis la valson «Esperanto» de S^ro de Ménil, Fr^ino de B. tre senteme deklamis «La Donaco» de V. Loveling, tradukaĵon el la flandra lingvo, S^ino L. J. perfekte kantis «Hispana Romanco» kaj «En Songo», k. c. Kiel oni povas tion konstati, jen estis kunveno bone organizita kaj vere interesplena.

Mardon 4^an de oktobro, S^ro R. Van Melckebeke faris paroladon ĉe Germana Societo el Antverpeno: la parolanto tre incitis la atenton de la aŭdantaro kaj lia parolado havos sendube bonan rezultaton.

Sabaton 8^an de oktobro, en la Grupa Sidejo nova parolado de S^ro Advokato Van Dieren, prezidanto de la Lovena Grupo: granda aŭdantaro aŭskultadis la parolanton kiu, per sia kutima elokventeco, malvolvis la tutan demandon pri la Lingvo Internacia kaj Esperanto. La prezidanto, dankinte S^on Van Dieren, konigis la rekomencon de l' kursoj: ĉiusabate, je l' 8 1/2 h., kurso estos farata de S^ro Dupont; je l' 9 1/2 h., ĉiusemajna kunveno; virina kurso, farota de S^ro D^ro Leclercq, estos baldaŭ organizata.

Pro la peto de kelkaj grupanoj, oni rekomencis tiam la muzikan parton de la antaŭa kunveno, aldonante ankoraŭ tre beletan kanteton, mirinde kantitan de S^ino J.: «La lasta Gotardkondukisto» kaj la kunveno finiĝis per ĝenerala interbabilado, tre amuza kaj tre agrabla.

Vere, la Antverpena Grupo bone komencis sian novan Esperantistan agadon.

**La Gazetaro.** La gazetaro, dum ĉi tiuj lastaj semajnoj, ofte kaj iafoje tre interesplene priparolis la demandon pri la Lingvo Internacia.

Unue ni diru ke multaj amikoj ekpublikiĝis serion da artikoloj aŭ kurson de Esperanto en multaj ĵurnaloj: S^ro Lekeu en «Le Réveil de Bruges», senlaca S^ro Mathys en la ĵurnaloj: «Le Moniteur des Notaires», «Le Sourd-Muet Belge» kaj «De Gazet van Leuven». Ni ankaŭ legis en tiu ĉi lasta ĵurnalo, kiu ĉiam tre favoris al ni, la priskribon de ekskurso al Middelburg (Holando), kiun faris la Virina Sekcio de la Lovena Grupo. Fine, en «L'Impartial» el Andenne, nekonata amiko ankaŭ presigas vicon da

On passe aux élections et le comité est reconstitué comme suit: Président, D^r R. Van Melckebeke; vice-président, M. Van Schoor; secrétaires, MM. Dupont et L. Jamin; trésorier, M. Van Kerkhove; commissaire, M. Coox; membres, MM. Cassiers, D^r Leclercq, Van Pelt, A. Van der Biest.

Puis commence la partie musicale non moins intéressante et dans laquelle de nombreux membres se font applaudir: le D^r L. joue la valse «Esperanto» de M. de Ménil, M^elle J. de B. déclame avec beaucoup de sentiment «La Donaco» traduit du flamand de V. Loveling, M^me L. J. chante d'une façon irréprochable «Hispana Romanco» et «En Songo». etc. Comme on le voit, ce fut là une soirée bien remplie et bien intéressante.

Le mardi, 5 Octobre, M. R. Van Melckebeke a donné une conférence dans une société Allemande d'Anvers: le conférencier a su exciter au plus haut point l'intérêt de ses auditeurs et la conférence aura, à n'en pas douter, de bons résultats.

Le samedi, 8 octobre, nouvelle conférence au Local du Groupe par M. l'avocat Van Dieren, président du Groupe de Louvain: une assistance nombreuse écoutait l'orateur qui, avec son éloquence habituelle, a développé toute la question de la Langue Internationale et de l'Esperanto. Le président, après avoir remercié le conférencier, annonce l'ouverture des cours: tous les samedis, à 8 1/2 h., cours donné par M. Dupont, à 9 1/2 h. réunion hebdomadaire; un cours pour dames, à donner par M. le D^r Leclercq, sera organisé sous peu.

A la demande de quelques membres, on renouvelle ensuite la partie musicale de l'autre jour, en y ajoutant encore une très jolie chansonnette, admirablement rendue par M^me J.: «La lasta Gotardkondukisto», et la soirée se prolonge en une causerie générale, très amusante et très agréable.

Vraiment, le Groupe d'Anvers a bien commencé sa nouvelle campagne Espérantiste.

**La presse.** La presse, en ces derniers temps, s'est souvent occupée, et quelquefois de façon très intéressante, de la question de la Langue Internationale.

Mentionnons tout d'abord que plusieurs amis ont commencé la publication d'une série d'articles ou d'un cours d'Esperanto dans de nombreux journaux: M. Lekeu dans «Le Réveil de Bruges», l'infatigable M. Mathys dans les journaux: «Le Moniteur des Notaires», «Le Sourd-Muet Belge» et «De Gazet van Leuven». Nous trouvons en outre dans ce dernier journal, qui nous a toujours été très favorable, le récit d'une excursion à Middelbourg (Hollande) faite dernièrement par la

*Men gaat over tot de verkiezingen en het bestuur wordt als volgt samengesteld: voorzitter, D^r R. Van Melckebeke; onder-voorzitter, M. Van Schoor; schrijvers, HH^n Dupont en L. Jamin; schatbewaarder, M. Van Kerkhove; commissaris, M. Coox; leden, de HH^n Cassiers, D^r Leclercq, Van Pelt, A. Van der Biest.*

*Vervolgens begint het muzikaal gedeelte, niet min belangrijk, en in hetwelk zich verscheidene leden doen toejuichen De D^r L. speelt de wals «Esperanto» van M. de Ménil, Juffer J. de B. draagt met veel gevoelen «La Donaco» voor van V. Loveling, uit het Vlaamsch vertaald, Mev. L. J. zingt op eene onberispelijke manier «Hispana Romanco» en «En Songo», enz. Gelijk men ziet, was het daar een welgevulde en zeer belangrijke avondstond.*

*Op Dinsdag, 5^n Oktober, heeft M. R. Van Melckebeke eene voordracht gegeven in eene Duitsche maatschappij van Antwerpen: de voordrachtgever heeft de belangstelling zijner toehoorders ten hoogste kunnen opwekken, en de voordracht zal, zonder twijfel, goede gevolgen hebben.*

*Zaterdag, 8^n Oktober, nieuwe voordracht in het lokaal van de groep, door M. den advokaat Van Dieren, voorzitter der groep van Leuven: een talrijk gehoor, aanhoorde den spreker die, met zijne gewone welsprekendheid, geheel de kwestie der Wederlandsche taal en van het Esperanto uiteengedaan heeft. De voorzitter, na den voordrachtgever bedankt te hebben, kondigt de opening der leergangen aan: alle Zaterdagen, om 8 1/2 ure, leergang gegeven door M. Dupont, ten 9 1/2 ure, wekelijksche vergadering; een leergang voor Damen, te geven door M. den D^r Leclercq, zal binnen kort ingericht worden.*

*Op de aanvrage van eenige leden, vernieuwt men vervolgens het muzikaal gedeelte van den vorigen keer, er nog bijvoegende een zeer schoon liedje, wonderwel weergegeven door Mev. J.: «La lasta Gotardkondukisto» en de avond gaat voorbij in een algemeen gesprek, zeer vroolijk en aangenaam.*

*Waarlijk, de Antwerpsche groep heeft zijnen nieuwen Esperantischen tocht wel aangevangen.*

**De drukpers.** *De drukpers heeft zich, in deze laatste tijden, dikwijls en soms op zeer belangrijke manier bezig gehouden met de kwestie der Wederlandsche Taal.*

*Melden wij eerst en vooral, dat verscheidene vrienden de uitgave eener reeks artikelen of van eenen leergang van Esperanto in talrijke dagbladen begonnen hebben: de Heer Lekeu in «Le Réveil de Bruges», de onvermoeibare Heer Mathys in de bladen: «Le Moniteur des Notaires», «Le Sourd-Muet Belge» en «De Gazet van Leuven». Wij vinden bovendien in dit laatste blad, dat ons altijd zeer voordeelig was, het verhaal van een uitstapje naar*

artikoloj : ni esperas ke en tiu urbo, kiel en Ostendo kie, laŭ bela artikolo legita en la ĵurnalo : « L'Echo d'Ostende », ankaŭ ekmontriĝas agado, novaj Esperantistaj centroj baldaŭ estos fondataj. Dume, ni tutkore gratulas la kuraĝajn iniciatorojn de tiu movado.

Sekve de artikolo publikigita de la ĵurnalo : « Le Soir », amikoj kaj malamikoj de Esperanto akre interdisputis : nepre venkita estas la malamikaro.

Kelkaj ĵurnaloj pli malpli favore priparolis la latinan lingvon : « La Gazette », « Le Journal de Bruxelles », « Le Bien Public ».

Favorajn artikolojn publikigis « La Metropole » kaj « Le Matin » : la du amikaj ĵurnaloj el Antverpeno, « L'Annonce Timbrologique », « La Revue Patrique des Sciences Commerciales », « Le Journal de Courtrai ».

La parolado, farita antaŭ nelonge en Lieĝo de S^ro^ Leŭt.-Kolonelo de Troyer, estas presita mallongiĝe en la « Bulletin de l'Association des Elèves sortis de l'Ecole Industrielle de Liége ».

La serion da flandraj artikoloj, publikigitan en « De Limburger » de S^ro^ Neerdaels, oni aliiĝis en belan propagandan broŝuron, riceveblan ĉe la eldonisto : Demarteau, Tongeren, (Prezo : 0,50 centimoj).

D^ro^ M. SEYNAEVE.

*P. S.* En la lasta momento alvenis al ni la novaĵo pri la fondo de Grupo Esperantista en Andenne. Ankaŭ ni sciiĝis pri la baldaŭa forveturo al Kongolando, la 27^an^ de Oktobro, de fervora propagandisto : S^ro^ L. Christiaens : ni deziras al li bonan vojaĝon kaj saman revenon.

D^ro^ M. S.

---

Section des Dames du Groupe de Louvain. Enfin, dans « L'Impartial » d'Andenne, un ami inconnu publie aussi une série d'articles : nous espérons que dans cette ville, de même qu'à Ostende où, d'après un bel article paru dans le journal « L'Echo d'Ostende », s'esquisse également un mouvement, de nouveaux centres Espérantistes pourront se fonder bientôt. En attendant, nous félicitons de tout cœur les vaillants promoteurs de cette propagande.

A la suite d'un article paru dans le journal : « Le Soir », une ardente controverse se produisit entre adversaires et partisans de l'Esperanto : une victoire éclatante resta à ces derniers.

Plusieurs journaux se sont encore entretenus plus ou moins favorablement du Latin : « La Gazette », « Le Journal de Bruxelles », « Le Bien Public ».

Divers articles favorables ont paru notamment dans « La Métropole » et « Le Matin » : les deux journaux amis d'Anvers, « L'Annonce Timbrologique », « La Revue Pratique des Sciences Commerciales », « Le Journal de Courtrai ».

La conférence, que donna il y a quelque temps M. le Lieut. Colonel de Troyer, a été reproduite en résumé dans le « Bulletin de l'Association des Elèves sortis de l'Ecole Industrielle de Liége ».

La série d'articles flamands, qui fut publiée dans « De Limburger » par M. Neerdaels, a été reliée en une jolie brochure de propagande qu'on peut se procurer au prix de 0,50 centimes, chez l'éditeur : Demarteau, Tongres.

D^r^ M. SEYNAEVE.

*P. S.* Au dernier moment nous parvient la nouvelle de la fondation d'un Groupe Espérantiste à Andenne. Nous apprenons aussi le départ pour le Congo, le 27 octobre prochain, d'un de nos bons propagateurs : M^r^ L. Christiaens ; nous lui souhaitons un bon voyage et un heureux retour.

D^r^ M. S.

*Middelburg (Holland) onlangs gedaan door de Damen van de Leuvensche Groep. Eindelijk, in « L'Impartial » van Andenne geeft een ongekende vriend ook eene reeks artikelen uit : wij hopen dat in deze stad, evenals te Oostende, waar, volgens een schoon artikel verschenen in het blad « L'Echo d'Ostende », zich ook eene Esperantische beweging afteekent, welhaast nieuwe Esperantische middenpunten zullen kunnen gesticht worden. In afwachting, wenschen wij van ganscher harte de moedige inrichters dezer propaganda, geluk.*

*Ten gevolge van een artikel, verschenen in het dagblad : « Le Soir » ontstond er een hevige twist tusschen tegenstanders en partijgangers van het Esperanto : een schitterende zegepraal bleef aan deze laatsten.*

*Verscheidene dagbladen hebben zich min of meer ten voordeele van het Latijn bezig gehouden : « La Gazette », « Le Journal de Bruxelles », « Le Bien Public ».*

*Verschillige voordeelige artikelen zijn verschenen, namelijk in « La Métropole » en « Le Matin » ; de twee vriendenbladen van Antwerpen, « L'Annonce Timbrologique », « La Revue Pratique des Sciences Commerciales », « Le Journal de Courtrai ».*

*De voordracht welke de Heer Lieut.-Kolonel de Troyer over eenigen tijd gaf, is in het kort overgeschreven geweest in het « Bulletin de l'Association des Elèves sortis de l'Ecole Industrielle de Liége ».*

*De reeks Vlaamsche artikelen, welke door den Heer Neerdaels in « De Limburger » werd uitgegeven, is in eene lieve propaganda-brochuur gebonden geweest, welke men zich tegen den prijs van 50 centiemen kan aanschaffen, bij den uitgever : W^e^ Demarteau, Hasseltschestraat, 21, Tongeren.*

P. S. *Op het laatste oogenblik komt ons het nieuws toe der stichting eener Esperantische Groep te Andenne. Wij vernemen ook het vertrek naar den Congo, op 27 Oktober aanstaande, van eenen onzer goede verspreiders : M^r^ L. Christiaens : wij wenschen hem eene goede reis en eene gelukkige terugkomst.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## La Grenero.

Du junaj insulanoj de l' « Trankvila Oceano » trovis greneron en subferdeko de ŝipo, elvenita antaŭ nelonge de Eŭropo. « Greno sendube estas kreskaĵo tre utila, diris la plej aĝa, sed kiel uzi unu greneron ? » kaj malŝate li ĝin ĵetis.

Lia kamarado, pli sperta, rapide ĝin reprenis. Samvespere li ĝin plantis, kaj donadis al ĝi la plej diligentajn zorgojn. La unuan rikolton fingringo povis enhavi ; la dua plenigis pokalon ; kaj post la tria, li povis disdoni kelkajn grenerojn al siaj amikoj. Poste li ne nur kolektadis multnombrajn rikoltojn, sed plie li havis la gloron esti alportinta, en sian patrujon, kulturon, kiu fariĝis lia riĉeco kaj tiu de liaj samlandanoj.

Estas tiel ke tiu akiros grandegajn rezultatojn, kiu lasas sin haltigi nek per la senfrukteco de laboro, nek per la longa atendado de ĝiaj produktoj.

BOULANGER.

Tradukis

MAŬRICO PIERLOT

lernanto de l' Reĝa Instituto por Blinduloj,
en Woluwe apud Bruselo.

## Enterigo de ĉefo en la ekvatora regiono.

Rakonto tradukita el la Franca lingvo, eltirita el « Africaines » (Afrikaninoj) de la Kommandanto Ch. Lemaire, kiu estis « Komisaro ŝtata de la distrikto de Ekvatoro. (Kongolando) ».

---

La sabato 27an de majo 1893, post tagmezo, la filo de la maljunulo « *N' goulou* » (Ngulu) ĉefo « *Wangata* (1) », sin prezentas ĉe mi kun du kokinoj kaj ovoj

— « Mia patro ĵus mortis, li diris. Li estas mortita ĉar unu el liaj edzinoj, kiu estis vendiĝinta malpure ĉe la « *N' gada* (1) » ne donis al li la ricevitan monon, kies parton li devis redoni al siaj fetiĉoj. Tiuj ĉi sin venĝis, blovante al li morton. » —

— « Kiam la enterigo ? » —

— « Morgaŭ, matene. » —

— « Kaj la ĉerko estas jam farita ? » —

— « La patro de *N' goulou* estis enterigita sen ĉerko.

« Mia patro, siavice, ne devas tion havi. Li estos entombigita en matoj kaj ŝtofoj kaj ni petas cin veni, por konstati ci mem, ke ni ne oferas sklavon sur lia tombejo. » —

La morgaŭa tago, la proksimuloj (parencaro) de *N' goulou* envenis serĉi min, matene. La mortinto loĝadis je la rando de la vilaĝoj, je dudek minutoj de la domo de la blankulo. Tien, ĉiuj ĉefoj estis kunvenitaj, parolantaj kaj ridantaj senĝene. La virinoj, edzinoj kaj sklavinoj, okupiĝis je siaj laboroj tiel kiel nenio okazis. En fumaĵigita kajuto, la mortinta korpo, envolvita en kelkaj brasoj (2) de ŝtofo, estis gardita de maljunaj plorantinoj.

Unu portilo, farita per du longaj bastonoj, estis aranĝita apud la kajuto kies mureto, subite faligita, permesis la trairon de la funebra pakaĵo. Kiam ĝi aperis, virinoj kaj infanoj diskuris, aŭdigante kriegojn maltrankviligitajn. Je momento mem, *N' goulou* ligita sur la portilo, estis sur ŝultroj de du fortikaj nigruloj kaj forportita rapidege, paŝege. Unu sola pafo estis pafita.

Malantaŭe la korpo, kuris la filoj, du liberaj homoj, du sklavoj kaj du virinoj, unu el tiuj ĉi preskaŭ nuda ; virinoj portis dekduon da sakoj fumaĵigitaj, plenigitaj per « *m'on' ganga* (3) » unu malnova hakilo, landaj sonoriletoj kaj unu botelo.

La kurado malakcelis nur je la limo de la vilaĝo kaj tiam mi estis tre kontenta. La ĉefoj ne estis sekvintaj.

Solaj, ni eniĝis sub la arbaro ; poste dudek minutoj, jen alkroĉigitaj al lianoj, jen morditaj de legioj da formikoj, ni atingis la tombejon. Tiu ĉi, per nenia devinaĵo, malkaŝiĝis. Oni montras al mi kelkajn tombojn ; mi nur vidis la senkultura arbetaĵo (4). *N' goulou* estas demetita sur la tero kaj niaj viroj balaas angulon de tero kaj komencas foson.

La nuda virino nur ridas kaj ŝercas ; ŝi parolas per falsita voĉo kiu estas stranga kontrasto kontraŭ la amplekso de ĉiuj formoj ŝiaj.

Kiam la foso estas profunda je sesdek centimentroj, oni metis, en ĝi, tri pecojn da ligno sur kiuj la maljuna kaj brava *N' goulou* plilongiĝos eterne.

Dum la momento kiam oni subtiras la portilon por enlokigi la malvivulo en lian foson, *N'goulou*, malbone ligita, glitas kaj sin trovas supero sube (5) ; pro tio la virinoj ridis.

Fine la mortinto estas kuŝita sur sia lasta kuŝejo tien oni metas liajn fetiĉojn, lian hakilon kaj la botelon, kiun virino, antaŭe, rompis sur lia kapo. Sekve la foso estas plenigita per senviva ligno, tial la mortinto povu varmiĝi, dum sia irado.

Kaj la filo kiu donas al mi tiun klarigon, montras la ĉielon, kaj murmuras « *Djakomba !* (6) » Ankoraŭ malmulte da tero, kiun la tuta bando trabatas per piedoj, poste, unu liano metita longe sur la foso.... Estas la fino.

Morta sceno kiu naskas tiom la ridon, kiom la ploron !

Tradukis Jos. JAMIN.

---

(1) Wangata kaj N' gada. Nomoj de nigraj popolamasoj.
(2) Braso aŭ Braklongo. Mezuro, longo de brako homa.
(3) M' on' ganga = france amulettes ; esperante *amiletoj ?*
(4) Arbetaĵo = france brousse. En Afriko speciala arbaĵaro.
(5) Supero sube aŭ ventro el dorso = france « sens dessus dessous ».
(6) Djakomba. Tiu vorto ne estas difinita en la rakonto de amiko Lemaire, sed mi kredas ke oni povas traduki per « estonteco » aŭ « eterneco ».

## Ĉhoj.

*Militado.* De nove du ĉefaj nacioj staras armitaj unu kontraŭ la alia por mortigi kiel eble plej multe da homoj el la malamika militistaro ! Ĉiu el ili ambaŭ uzos la plej mortigantajn ilojn por atingi per besta mortigado la sangan venkan celon ! Kiom da fratoj niaj perdos sian vivon tiel karan ; kiom da bonegaj koroj malaperos ; kiom da utilaj anoj de la popolaro pereos ; kiom da edzinoj iĝos vidvinoj ; kiom da infanoj iĝos senpatraj dum tiu kruela militado ! La internacia frateco ploras funebre ! Eble multe da Esperantistaj samideanoj devas pafi, pafadi nesciante ĉu la kugloj de iliaj pafiloj aŭ la kuglegoj de iliaj pafilegoj ne mortigos fratojn de la vasta Esperantista familio, virojn kun kiuj ili antaŭ malnombraj tagoj ankoraŭ korege interkorespondis pri tutmonda paco kaj homaro frateco ! Kiaj malfeliĉaĵo por la homaro, kia malgloro por ĝi !

Ke ĉiu el ni propagandu senĉese inter siaj samlandanoj por la alta idealo de l' senarmigo de ĉiuj popoloj de l' mondo ! Vivu eterne, prosperu ĉiam la paceco ! Plej koran saluton al vi, kunlaborantoj de l' pacema Esperantistaro !

(El la monata rondiranta gazeto :
« Ĉiam pli bone ! »)

Eŭg. Mathys, filo
Loveno (Louvain).

# En somera nokto.

(SKIZO DE GANSO RETGE.)

*El Germana lingvo.*

En nokta aero naĝadas sonoj de violono. Ili eflugadas el ĉambro de somerloĝo, konstruita sur supro, apud rivero; ili sin portadas super floraj boskoj de ĝardeno kaj poste englutiĝas malsupre en akva bruado. Tiuj-ĉi sonoj estas malgajaj kaj senkuraĝaj.

La violonisto estas pala, juna homo. Li sidas sur la fenestra apogilo krucigante piedojn, apogiĝante al fenestra fosto kaj reveme rigardas malproksimaĵon; liaj okuloj brilas tiel, kiel la steloj en nokta ĉielo.

Li, pensema, la arĉon sur kordoj de lia muzikilo balancetas.

Lia animo estas plenigita de rememoroj pri lia gaja printempo travivita... Gajeco... pasio... inspiro... amo! Ha, kia ĉarma estis vivo!... Kaj li, morteme malsana, partoprenadis ĝin...

Lia Doktoro malpermesis la dancadon. La neevitebla sekvo de tiu plezuro produktadis por li turmenteman korbatadon.. sed rifuzi la feliĉon teni « ŝin » en siaj brakoj, enspiradi la bonodoron de ŝiaj luksaj haroj, li ne povis.,. kaj eĉ la morto starus poste liaj ŝultroj, ĝi starus kun tiuj vortoj sur lipoj: — « ekdancu eĉ nur unu fojo kaj vi jam en mia posedo, » — li ne rifuzus tiun-ĉi minutan feliĉon! Jes, li ne rifuzus tiun-ĉi feliĉon, ĉar morti apud ŝia brusto... ŝajnis al li dezirinda morto.

« Ha, tiuj-ci rememoroj!... ja mi dancadis kun ŝi.. kaj jen ĝis nun mi estas ankoraŭ vivanta!..»

Sed nun... en tiu jena momento li suferas... denove la malbenita korbatado, senigas konscion lian... La junulo mallevis la violonon kaj, elŝovinte la bruston, iom post iom malantaŭenigis la manojn post dorso li daŭrigis teni la violonon kaj la arĉon. Li samtempe kunpremigis la lipojn kaj fermis la okulojn... Dank' al Dio, la korbatado ĉesiĝis. En daŭro de kelkaj minutoj li, sen moviĝo, rigardis grandan noktan papilion, enflugintan en la ĉambron kaj kiu turniĝis kun zumantaj flugiletoj, ĉirkaŭ la brulanta lampo. Li denove levis sian violonon kaj ekludis melodion de valso...

Ha, tiu-ĉi valso!... Por sinjorinoj estis allasita elekti kavalirojn. « Ŝi » aliris lin kun facila kaj gracia saluto. Post momento li jam dancis kun ŝi valson, premigante ŝin al sia brusto.

Ekdancinte tra la tutan salonon, ili haltiĝis; ŝi petis lin pri tio-ĉi, ĉar ŝi eksentis sin laciĝinta kaj bezonis iom da ripozo kaj ektrinki ion malvarmigantan.

Li kondukis ŝin al la bufedo. Ili trinkis po unu pokalo da ĉampana vino, dezirinte reciproke unu al alia sanon, ankoraŭ — po dua pokalo kaj post direktiĝis en unu el la gastĉambroj, apud la salono. Li sidiĝis tie en malluma angulo sur molan apogseĝon. Ŝi do sin metis sur sofo.

Kapo lia brulis, lia koro batis pli forte. Antaŭ liaj okuloj brilegadis miloj da fajreroj. Li nenion vidis, ne vidis eĉ blankan grupon de Kanova, prezentantan Psikeon, kiu, envolvita per hedero, staris antaŭ ili sur arĝenta postamento.

Li vidis klare kaj sole « ŝin », ŝiajn densajn harojn, ŝiajn okulojn, ŝian buŝon, ŝian kolon kaj blankajn, plenkorpajn, glatajn, kvazaŭ veluro, ŝiajn manojn.

Li rigardis silente ŝin per brulanta rigardo, li rigardis fikse..

Poste, preninte ŝian manon, li varmege ĝin kisis. La juna fraŭlino ne protestis.

Aŭtomate kaj senkonscieme, lasinte apogseĝon, li malsupreniĝis al planko kaj sin metis genufleksiĝanta ĉe siaj piedoj... Ekkaptinte ŝiajn manojn li ameme altiris ŝin al si, malantaŭeniginte sian kapon kaj rigardante ŝin kun petego. Li cirkaŭprenis per manoj ŝian talion kaj surŝutis per varmegaj, avidemaj kaj pasiaj kisoj ŝiajn buŝon, frunton kaj vangojn...

Al liaj kisoj ŝi respondis per kisoj.

Tio-ĉi estis dolĉega, freneziganta amsonĝo...

Ilia feliĉo ekzistis nur dum daŭro de valso. Kiam silentiĝis la muziko, la gastĉambro pleniĝis da homoj kaj ili estis devigitaj konvene sidi unu kontraŭ la alia kaj babiladi triviale.

Li sin levis, intencante akompani ŝin en la dancsalonon, sed denove li eksentis malbenitan korbatadon. Li ekŝanceliĝis kaj, por ke li ne falu, ŝi ekkaptis apogilon de seĝo... sed la atako baldaŭ ĉesiĝis.

Kondukinte la junulinon al ŝia patrino, li foriris hejmen. Tie malrapide li paŝis en la nokta silento, enspirante aeron, plenigitan de bonodoro de someraj floroj. Per dekstra mano li premis sian koron, sentante ĝian batadon.

Veninte domen li bruligis lampon, elprenis el ingo sian violonon, malfermis fenestron, sidiĝis sur la fenestra apogilo kaj komencis mallaŭte ludadi.

Eknaĝis sonoj de valso, sed ili nur sonis pli mole, ol en dancsalono. Ili sonis malgaje, kiel doloro, kiun oni ne povas kvietigi.

Altiganta de l' rivero, malvarmeta venteto malvarmumas brulantan frunton de la muzikisto. Li volas sin levi, fermi la fenestron kaj foriri internen de la ĉambro, — sed tro malfrue: li denove sentas la senkompateman korbatadon, pli senkompateman, ol kiam ajn. Al la malsanulo ŝajnas, ke planko foriras sub liaj piedoj... li senkonsciiĝas... violono kaj arĉo falas el liaj manoj... Brueme ili falas sur plankon de ĉambro kaj, kun terura malakordo, enfalas en ĝardeno.

Ĉio silentiĝis... Eĉ papilio, flugetanta ĉirkaŭ lampo ĉesis zumi... Ĝi bruligis siajn flugeletojn kaj kuŝas kompatinda sur tablotuko.

Ĉirkaŭe, ĉio silentas.

Mallaŭta kaj trankvila somera nokto.

Tradukis E. RADVAN-RIPINSKI.

Lodejnoje Pole Ruslando.

## Elektra unurela fervojo.

Oni multe parolas pri rapidiraj fervojoj kaj speciale en Belgujo, pri la elektra vojo Bruselo-Antverpeno. Tiu objekto ege interesas la Belgan publikon kaj la inĝenieroj tre diskutas la diversajn proponitajn sistemojn.

Unu el tiuj projektoj almenaŭ distingiĝas per sia noveco. Tio estas la « unurelo de Langen » kiun mi provos, tre mallonge, priskribi forlasante ĉiujn specialajn detalojn.

Eŭgeno Langen, germana inĝeniero, mortis en 1895 antaŭ vidi siajn ideojn sukcesantajn, t. e. efektiviĝintajn per la konstruo de la pendanta fervojo Barmen-Vohwinkel en Germanujo.

Tiu sistemo estas karakterizata per uzado de unu relo metita sur malpeza trabo. Tiu trabo estas portata sur vertikalaj feraj subportiloj diversformaj.

La radoj de la motora veturilo staras sur la relo per kurba brako. Tiel, tiu veturilo povas libere moviĝi sen ia danĝero dum la irado. La uzo de malgrandkurbaj radioj estas do ebligata.

La fervojo jen sekvas la akson de la rivero jen ĝi prenas la direkton de la per tramoj trairataj stratoj.

Tiu fervojo estas duobla. La interspaco de la subportiloj estas 35 metra. La tuta elspezo de la konstruaĵo, kunkalkulante la stacidomojn estas 625.000 markoj. Tiu sumo enhavas la elspezon nur 30.000 M^koj^ por la akiro de teroj kun diversaj kompensaĵoj.

La profitoj de tiu sistemo estas : tre granda ekonomio pri elektra fluo kompare kun la estantaj fervojoj je egala rapideco ; minimuma pezo ; granda ekvilibro de la veturiloj, ĉar la peza centro estas tre malsupre de la punkto de apogo ; fine la irado en malgrandaj kurboj, eĉ je plena rapideco estas tiel dolĉa ke la vojaĝantoj neniel havas la senton de la flanka movado.

La publiko kutimiĝis je tiu nova fervojo kaj la rezultatoj de la ekspluato estas kontentigaj.

La kontraŭparolantoj diras ke tiu konstruaĵo estas nova kaj eĉ stranga solvo de la nuna demando, kaj ke ĝi havas la gravan difekton forpreni la estetikan belecon de la urboj kaj kamparo. Tamen tiu sistemo estas rimedo kontraŭ la obstrukco de la stacidomoj kiuj interligas niajn grandajn urbojn kaj ebligus la formigon de rapidirantaj vagonaroj, tiel kiel interurbaj tramoj, kiuj penetrus en la centron mem de la urboj kaj moviĝus je grandega rapideco tra la kamparo.

Félix MAISONPIERRE, inĝeniero
Schaerbeek-Belgujo.

Teksto eltirita el la rondiranta gazeto « Kunfratiĝo ».

## Sur la India Oceano.

Mi scias nenion tiel mirindan, kiel la horizontojn, la vidiĝojn kaj la ĉielojn de la India Oceano.

Krom dum la periodo de la teruraj ciklonoj, tie la maro estas senfine blua kaj kvieta. — Tie la noktoj estas iluminitaj de la senlima arego, kiel formikaro, de la steloj, kaj tie, la atmosfero estas tiel klara, ke oni distingas okule la specialan koloron de kelkaj astroj. La ĉiela arkaĵo estas, laŭlitere, brilanta de la sideraj lumetoj; la malleviĝoj de la suno kaj la matenoj de tiuj regionoj akceptas nenian priskribon, tie la ventegoj havas timindan forton kaj certe nenio estas tiel terurega, kiel la ciklonoj kiuj revenas periode turmenti tiujn marojn.

Antaŭ multaj semajnoj tiuj meteoroj estas anoncitaj de atmosferaj fenomenoj tre kuriozaj kaj observindaj; inter la antaŭaj signoj, estas necese atenti la « *halo'* » *on* (haloon) supermezure larĝan, diverse koloritan, kiu ĉirkaŭas la sunon per siaj ringoj; ili senkoloriĝas kaj plilarĝiĝas pli kaj pli, ĝis ia plumba koloraĵo, kiu plenigas la ceteron de la ĉielo kaj konfuziĝas kun la nedesegnita horizonto.

Tiamaniere, la astro aperas tute ruĝa, tiel cirkaŭito de oro, kiel fajra sfero en la profundaĵo de neordinara kupolo de flama metalo.

Kaj kiam la turnoventego, fine venkanto de la kontraŭbataloj de la naturo, estas malkvietita sur la mondo, ĉio malaperas en la ĥaoso de la elementoj, en la mallumoj kaj la teruro, dum miloj da voĉoj, el la profundaĵoj, leviĝas, kriegas, stertoras, ĝemadas, kaj proklamas la eternan, la kaptantan fortecon de la nekonataj potencoj.

Jos. Jamin.

Tradukita el la Franca lingvo.

Eltirita de la manuskripta rondiranto « Vaga Stelo ».

## Jo pri mia vojaĝo.

Se vi volas konvinki vin pri utileco kaj taŭgeco de Esperanto, samideanoj, vojaĝu. Jen estas mia konsilo, aperigita de miaj impresoj, ricevitaj en ĵusa esperantista vojaĝo. En kia ajn lando mi estis, ĉe la muzikemaj Hungaroj aŭ ĉe la poeziaj Italoj, inter la bonhumoraj Francoj aŭ konsideremaj Germanoj, ĉe Aŭstroj kaj Bohemoj.

Tie mi renkontis esperantistojn, parolante kun ili nur Esperante, ricevante de ili vojaĝan helpon, videbligante paroleblecon de nia lingvo, sentante ekfratiĝon de la homoj.

Ni danku ja nian majstron pro lia geniaĵo !

G. Kolowrat.

(El St. Peterburgo).

## Esperantaj Verkoj.

**Lernolibroj, Literaturo, Propagandiloj, k. t. p.**

*Notu bone.* — La montritaj ciferoj estas la kosto ĉe la vendistoj. Oni devas aldoni la sendpagon kiam oni deziras ricevi la librojn poŝte.
Ĉiam peto de sciigoj aŭ informoj estus sendota kun poŝtmarko por respondo.
Kun ĉia mendo oni devas aldoni pagon de la libroj menditaj.

KOLEKTO ESPERANTA APROBITA DE D^ro ZAMENHOF.

Ĉe Hachette kaj K^io, 79, B^d S^t Germain, Paris kaj ĉe la tenejoj de tiu firmo :
**L' Avarulo** (Molière) tradukita de S^ro Sam. Meyer . . . . . . . . fr. 0.75
**Eneido** (Virgilio) tradukita de D^ro Vallienne . . . . . . . . fr. 0.60
**Cikado kaj Formikoj** (E. Labiche kaj E Legouvé) . . . . . . . . fr. 0.60

Ĉe Grafo Albert Gallois, sekretario de la Riolunata Grupo en Riolunato (Modena) Italie :
**Gvidlibro** de l' turistoj por fremduloj en Italujo. . . . . . . . Prezo : fr. 0.25

Ĉe L. Gaumont kaj K^io, 57-59, rue Saint Roch, Paris :
**Esperanta katalogo** kun tarifo de la ĝenerala kontoro de Fotografarto.

Ce Dixon & Hunting, 180, Fleet street, E. C. London :
**Primer of Esperanto**, enhavanta gramatiko kaj ekzercaro.

| Prezoj : | | |
|---|---|---|
| unu ekzemplero | | unu penco (1^d) |
| 12 ekzempleroj | | dek pencoj (10^d) |
| 100 | » | ses ŝilingoj kaj tri pencoj (6^s 3^d) |
| 1000 | » | du livroj kaj dekdu ŝilingoj (*L*2 12^s) |

Ĉe Barbot-Berruer, 72, rue des Halles, Tours (Indre-et-Loire) France.
**Kato kun botoj**, traduko de L. Milho. (Biblioteko por infanoj) . . . . . . Prezo : fr. 0,50

| Oni liveros | | | |
|---|---|---|---|
| 11 ekzemplerojn | por | 10 aĉetitaj | |
| 23 | » | » 20 | » |
| 48 | » | » 40 | » |
| 60 | » | » 50 | » |
| 125 | » | » 100 | » |

Ĉe W^e Demarteau-Thys & zoon, Hasselschestraat, 21, Tongeren, België :
**Het Wetenschappelijk Vraagstuk eener Kunstmatige taal**, in 't Nederlandsch overgezet door J. Neerdaels. Prezo : fr. 0,50

Ĉe Spineux & K^io, 62, Montagne de la Cour, Bruxelles.
« **Pino** » muzika verko de S^o Boris Fjodorov (fortepiano kaj kanto) . . . . . Prezo : fr. 1.00

Ĉe Oscar Hopf, en Thoune (Suisse) :
**Propaganda folio** de la « Société Espérantiste Suisse ».

| | | |
|---|---|---|
| 1 ekzemplero | | 0.10 fr. |
| 10 ekzempleroj | | 0.50 fr. |
| 100 | » | 2.00 fr. |
| 1000 | » | 10.00 fr. |

Ĉe Edmond Privat, 10, rue de Florissant Genève (Suisse).
**La question d'une langue auxiliaire internationale et l'Esperanto** . . . . . . . Prezo : fr. 0.30

**AVIZO.** — Tiun ĉi rubrikon ni daŭrigos laŭ apero de novaj libroj.
La Esperantistoj de ĉiuj landoj povas peti senpagan enskribon post sendo de la presita verko. Ili povas ankoraŭ informi nin pri forgesata verko aŭ pri eraro.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & Cie *et chez* Spineux & Cie *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. — Prix 1.50 frc (port en plus.)

**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier. — Prix 0.75 (port en plus.)

**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. — Prix 1,50 (port en plus)

**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot. Prix 2.50 (port en plus.)

**Thèmes d'application** par L. de Beaufront. — Prix 2.00 (port en plus),

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.25 fr.) verzendingskosten daarboven.

Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces qui devront satisfaire aux conditions suivantes :
1° Etre rédigées exclusivement en Esperanto ;
2° Emaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,
3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

1/16 de page annuellement fr. 8.00
1/8 » » » » 15.00

*De* «BELGA SONORILO» *aanveerdt aankondigingen die aan de volgende voorwaarden moeten voldoen :*
*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*
*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*
*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

*1/16 bladz. jaarlijks fr. 8.00*
*1/8 » » » 15.00*

# The Cosmopolitan Correspondence Club

*— INTERNACIA ORGANISMO —*

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

# LA REVUE POLYGLOTTE

**REVUO POLIGLOTA POR LERNO KAJ PROPAGANDO DE LA FREMDAJ LINGVOJ**

Eliras en la lingvoj franca, angla kaj germana la 5an kaj la 20an de ĉiu monato. — Kosto : jare 5 frankoj.

*Sin turni al la Direktoro So. F. HERMANN*

**25, rue des Charbonniers, BRUXELLES (Nord).**

# Federacio de la Belgaj Filatelistoj.

Oni Korespondas Esperante.
Pri sciigoj oni sin turnu al la Esperantista Sekretario, Sro J. Coox, Kontisto, en Duffel (Belglando). Aldonu poŝtmarkon por la respondo.

LUEBLA LOKO.